# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO VIII, SOFIA — BULGARIO
JANUARO—MARTO 1965, № 1



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## „KODEKO“ — ETAPO

Oni legas gazetojn ĝeneralajn kaj esperantistajn. Oni vidas kiel meteore ŝanĝiĝas la tuta panoramo ĉirkaŭe. De ĉiuj flankoj ĉiutempere aperas novaj fenomenoj, novaj eventoj kaj ili trenas post si novajn ideojn. Kaj ni ĵurnalistoj devas la unuaj senti kaj percepti la okazantajn metamorfozojn, movon, ŝanĝojn kaj turniĝojn por almenaŭ atentigi kaj konsoli la reagon, se ne partopreni kaj agi.

Certe, ĉio ĉi ne povis ne tuŝi esperantistan movadon, eĉ se ĝi laŭ certaj opinioj stagnas aŭ eĉ regresas. La plej elstara evento en esperanta movado estas tre grava iniciato de nia samasociano — kolego Tibor Sekelj el Beogrado. Lia deklaro pri Kampanjo de kampanjoj estas en esperanta skalo epokfara. Mi opinias, ke meminstalo de T. Sekelj en situacion de l'gvidanto de „Kampanjo de kampanjoj“ estas evento nova por esperanta mondeto kaj esperanta praktiketo. Kaj ĝi sendube estas multe pli signifa kaj sekvoplena, ol tio povas ŝajni al unua rigardo.

La forto de esperanta movado estas bazita sur sobra penso, iniciatemo, internacieco de l'streboj — batalo kontraŭ superstiĉo, antaŭjuĝoj, obskurantismo. En ili ĉerpas sian potencon esperantistaro. Dume, ĝis nun oni flegas kaj bredas la movadon plejparte nacikadre. La analizo de Tibor Sekelj ĝenerale preskaŭ senriproĉa, montras novan vojon. Certe, por iniciati iun ajn kunagon necesas gvido, organizo kaj disciplino, krom multaj aliaj premisoj, kondiĉoj kaj cirkonstancoj.

Do, certe, nun antaŭ ĉiu aparta esperantisto, kiel, certe, antaŭ ĉiu asocio kaj precipe ĝia gvidorgano (kaj eble presorgano) ekestas la unua problemo: Kiel rilati al la nova evento — nova iniciato? Ĉu laŭdi, ĉu mallaŭdi? Ĉu aprobi kaj akceli? Ĉu refuti kaj kontraŭagi?

Mi povas konstrui la proponon por la linio de konduto de TEĴA, atendante, ke tiu problemo ricevu prikonsideron ankaŭ fare de aliaj kolegoj, ke ni povu meti iun proponon kiel fondon de niaj decidoj kaj direkton de nia agado, kiu estus eventuale konsiderota dum la plej proksima kunveno de TEĴA.

Certe, la nomo „Kampanjo de kampanjoj“ estas embria nomo por io, kio sendube plej proksimtempe aŭ ekakiros ostojn, karnon kaj nervojn, aŭ forvelkos kun malforta postsigno en memoro pri ankoraŭ unu aŭdaca kaj nobla ekforto de l' „admirantoj al astroj“. Sed ni ne povas antaŭvidi la proksimestontan formon kaj sekvojn de io pli ol la naskiĝintan „Kampanjon de kampanjoj“ kaj ni nur akceptu ĝin kiel tia, kiel „K. de k.“ (Kodeko). Kion ĝi signifas?

Antaŭ ĉio ĝi signifas potencan novan socian agon, kiu ĝis nun ankoraŭ ne ekzistis. Sed jen ĝi aperis sekve, en ĝi estis neceso, sekve la movado ĝiskreskis iun novan ŝtupon. La ŝtupo, kiam tiu iniciato iĝis ebla, necesa kaj reala. f

Al mi ŝajnas, ke la ondŝtono de tiu aktiveco estas kondiĉita de jenaj simplaj kaj aŭdacaj ideoj:

1. Neniu krom esperantistoj mem povas esti mastroj de l'movado por la internacia lingvo. Neniu povas, nek faros ion ajn por Esperanto krom esperantistoj mem.

### GRAVA AVERTO AL LA LEGANTOJ DE „I. Ĵ.“ KAJ AL LA MEMBROJ DE TEĴA

*Ofte iuj abonantoj de nia organo, membroj de TEĴA kaj eĉ estraranoj, reprezentantoj kaj komitatanoj de TEĴA translokiĝas kaj ŝanĝas siajn adresojn. Iuj el ili poste plendas, ĉar ne ricevas „I. Ĵ.“-on aŭ estrarleterojn. Tial ni avertas ĉiujn membrojn de TEĴA kaj abonantojn de la revuo post ŝanĝo de siaj adresoj tuj sciigi tion al la redakcio de „I. Ĵ.“*

*La abonantoj kaj la membroj de TEĴA, kiuj ne ricevas la organon, kaj estas pagintaj la kotizon, devas informi la redakcion pri tio, sciigante siajn ĝustajn adresojn.*

*Ni ne plu sendos la organon al ĉiuj, kiuj ne pagis sian kotizon al la sekretario-kasisto, al la redakcio aŭ al la landaj komitatanoj kaj reprezentantoj de TEĴA.*

*La redakcio ne havas eblecon skribi apartajn leterojn al la neregulaj membroj kaj adresoj por averti ilin aŭ por pliĝustigi la adresojn.*

*Redakcio de „I. Ĵ.“*

2. Por sia plua evoluo Esperanto ne bezonas ajnan agnoskon aŭ benon ajnafare, ajnaflanke aŭ parte.

3. Per siaj grizharaj 78 jaroj Esperanto jam plene pruvis sian vivkapablon, uzeblecon. Kaj nun per aktiva laboro de esperantistoj ĝi povas esti altrudita al iu parto da homoj.

4. La movado jam atingis tiun gradon de evoluo, kiam ĝi povas subteni sian vivon, ekziston kaj disvolviĝon per siaj propraj fortoj kaj rimedoj.

5. Venis la tempo, kiam decidan vorton plenvoĉe povas diri pri si mem la movado. Komencante de tiu momento jam ekas la ĉen-reakcio, kiu povas kaj devas subteni sin mem. T. e. ni vivas ĉe la momento de l'transiro de kvanto en kvaliton.

6. Nur dece alĝustiginte sian psikologion al la pasanta procedo, povas apartaj esperantistoj kunagi prospere. Ne komprenante tion, daŭrigante la „hieraŭan" praktikon de atento kaj almozpetado la esperantistaro iĝas bremso al sia propra movado. Ili — esperantistoj antaŭ ĉiuj aliaj devas ekkonscii pri sia alta kaj nobla misio — ili mem devas komenci antaŭ ol aliuj konscii sian dignon, kompreni gravan mision, kiun ili plenumas, kaj rilati al si mem kun memestimo.

Sufiĉas nur formuli la pensojn por tuj kompreni kaj konkludi, ke ĵurnalistoj-esperantistoj kaj TEĴA devas plej fervoramaniere pritrakti la novan eventon. Ĵurnalistoj-esperantistoj devas vaste subteni la iniciaton de Sekelj, kaj ne nur subteni, sed krei proprajn formojn de intima interĵurnalista-esperantista ligo, interkomuniko kaj kunago.

Unuavice devas eklabori propraj agentejoj Esperanto-preso aŭ Esperanto-presservo. La ekzistantaj ricevu ĉies subtenon, kaj iniciatemaj TEĴA-anoj kreu, instigu kaj kuraĝigu kreon de la novaj (Roma-Esperanto-presservo ; Parizo-Esperanto-presservo ; Moskvo-Esperanto-presservo) por instigi interŝanĝon de ideoj, leteroj, gazetoj, artikoloj. Disvastigo kaj firmigo de internacia kontribuo al neesperantaj presorganoj. Reto de Esperanto-servo, propraj korespondantoj. Gazetigo de Esperanto-eventoj. Popularigo de Esperanto-homo (ĉu vivaj, ĉu forpasintaj). Unuvorte disvastigo de l'bona sperto de tiaj niaj kolegoj kiel Kazimierz Malyĥa.

Certe oni povas riproĉi kolegon Tibor Sekelj pro lia tro aritmetikeca analizo de problemo de socia evoluo. Vere, oni ne povas konsenti ke dum ĉiu el 90 jaroj en ĉiuj el 70 landoj aperis po 10 novaj membroj, ĉar la kresko estas en procedo pli favora al estonto ol al estinto. Kaj la pliiĝon oni devas konsideri kiel procedon seninterrompe vastiĝantan. Sendube la multiĝon de l'novaj esperantistoj oni devas supozi kiel grandiĝantan proksimume je unu homo el tridek landoj en fino de l'19-a jarcento kaj tridek homoj ĉiujare nun en 70 landoj. Kaj la nombro kun ĉiu jaro kreskas, precipe je konto de subevoluintaj landoj de Azio, Afriko, Suda Ameriko, kiuj per saltaj paŝoj procedas al kulturo kaj civilizo. Ĉi tie la evoluo transiras de unu etapo al la alia analogie al kresko de grajnoj en fama legendo pri la ŝaka breto, kie progresiva duobligado de l'grajno-nombro, komencante per la unua kampo al la sesdekkvara venigas la situacion, kiam grenprovizo de l'tuta ŝtato ne sufiĉas por meti sur la lastan kampon de l'breto.

Kaj tiu pligrandiĝanta ritmo de l'kresko sentiĝas ĉiupaŝe. Kaj eĉ mem la deklaro de Tibor Sekelj estas atesto de tiu progresiva kresko. Ĝi signifas nur jenon: la movado venis al la punkto de l'evoluo, kiam la voko de Sekelj iĝis necesa kaj reala. Mi estas absolute certa, ke lia voko ne restos voĉo de l'unuopulo en dezerto. Ĝi nepre estas multloke kaj multflanke subtenota. Kaj en tio ankaŭ estas signo de l'tempo kaj stadio en la evoluo.

Objektive lia alvoko estas puŝo por profesiigo kaj specialigo de esperantistoj. Tio estas vera kaj sola vojo. Kaj certe tio estas nur komenco, kiu igos ankoraŭ pli profundajn ŝanĝojn en la strukturo de la movado.

La kaŭzo de l'malrapida progreso estas tamen sufiĉe klara. Lernado de lingvoj ĝenerale estas afero ege malfacila, eĉ lernado de tiom simpla lingvo, kiel Esperanto. Mi vidas ĉirkaŭ mi centojn da „esperantistoj", kiuj plene komprenas la valoron de lingvo internacia, kiuj plenanime subtenas la aferon, kiuj eĉ faras kolosan laboron por disvastigi Esperanton, sed ili ne konas la lingvon, kaj tio sensignifigas la tutan ilian laboron kaj fervoron. Ili estas plej brila pruvo, ke Esperanto estas netaŭga rimedo por solvi la problemon. Fakte homoj, vere posedantaj la lingvon estas maloftaj unuopuloj.

Tibor Sekelj estas prava pri neceso de l'kontinueco de l'streboj. Kaj ĝi devas esti fundamento pri ŝtupigo aŭ gradigo de esperantistoj. La kontinueco de l'streboj estas plej necesa kiel progresiva transiro de unu ŝtupo al la alia. Fininte elementan kurson kaj ricevinte la unuan gradon, esperantisto devas transiri al la dua ŝtupo de l'perfektiĝo, post la dua devas sekvi la tria ktp. Vojo de l'analfabeteco ĝis akademiano devas esti kontinua, kaj la interfaŭko devas esti plenigita per ĉiuj forestantaj gradoj de adjunkto, bakalaŭro, magistro, doktoro, profesoro, akademiano, majstro. Kaj nuntempe la senperspektiveco estas naskata jam en la ekzistanta lerna reto. Mankas io pli supera ol elementa rondeta kurso. Kaj fakte la gvidantoj de l'elementaj kursoj devus formi (ĉu memstaran, ĉu gvidatan kurson por pluperfektigo). Kaj la gvidantoj de l'perfektigaj kursoj devus formi grupon de supera esperanta klerigo. Kaj la profesoroj de l'supera esperantoklerigo devas formi kolegion de akademio aŭ lokan akademion, instituton ktp. Kaj, certe, ĉiu grado devas havi iun ĝeneralan specialecon — ĉu instruisto, ĉu ĵurnalisto, ĉu kuracisto — kaj sisteme plenumi tiun praktikan laboron, pri kiu klopodas kolego Sekelj. Ni esperu, ke de lia „facila mano" komenciĝos tiu procedo.

Sed kiam Tibor Sekelj ekaklamas „kiel klarigi tian totalan malsukceson ?" — kiam li rimarkas la sporade faratajn klopodojn kvazaŭ hazarde de bonvolemaj opuloj, kaj konkludas, ke tiu laboro ne povas havi sukceson — oni, certe, ne povas konsenti. Tio estas ne formo de laboro, sed stadio de laboro. Kaj tiu stadio estas necesa kaj neevitebla. Kaj ĝi tutegale, ĉu dezire, ĉu kontraŭdezire transiros la sekvan stadion — la stadion de sistema malhazarda okupo de oficuloj, pri kio zorgas T. Sekelj. Kaj la sukceso ĉiam kroniĝas la laboron, ĉu sisteman, ĉu sporadan. Denove ĉi tie ĉio determiniĝas de tempo kaj procedo de evoluo. Tiaj estas la leĝoj de evoluo.

Neniu ekstera laŭdo aŭ mallaŭdo, neniu vorto de l'aŭtoritato aŭ famulo povas progresigi aŭ malprogresigi la movadon. Ĝin povos akceli aŭ bremsi nur la laboro de ĝiaj adeptoj kaj nenio pli.

Certe, priklopodi enirigi la lingvon en la praktikan vivon estas ĝusta vojo. Ĝi estas nome tio, pro kio ekzistas la internacia lingvo. Kaj la evoluo de la lingvo kaj ĝia praktika apliko estas unuigita procedo de disvolviĝo. Pravas T. Sekelj pri planeco, iniciatoj, entreprenoj, akorditaj internaciskale. Tio estas ĝusta same kiel ĝusta estas konstanta enlanda laboro, plej e adaptita al la naciaj, politikaj, ekonomiaj kondiĉoj de l'koncerna lando.

„Ni atingos" kaj „ni klopodos" tute ne estas kimero. Tio estas plej natura kaj plej certe meritita kronigo de la streboj. Tio estas plej ĝusta, kutima kaj natura procedo de evoluo.

Homo naskis Lingvon. Lingvo ekpostulis Homon. Certe, la homoj retrogrupiĝinte komencos pli trafe, pli ekonomie, pli sukcese progresigi la aferon.

Sekve jeno postuliĝas kiel konkludo :

1. Oni devas kompreni la stadion — la momenton en la evoluprocedo.

# NOVAĴOJ

## „LA INTERNACIA AKADEMIO DE LA TURISMO" OFICIALE ENKETAS PRI ESPERANTO

La „Internacia Akademio de la Turismo" havis lastatempe sian Ĝeneralan Kunvenon en la svisa urbo Lausanne. La Konsilantaro de la Akademio ekzamenis kaj diskutis proponon rilate al „Esperanto" kaj decidis komisii D-ron Hj. Unger en Zürich fari internacian enketon kaj postan raporton pri la praktika uzado de Esperanto en la tutmonda turisma sfero, kaj prezenti proponon pri eventuala adopto de Esperanto en la Internacia Faka Vortaro de la Akademio. D-ro Hj. Unger (en Zürich 22, Svislando) estas Prezidanto de la „Svisa Unuiĝo de la Turismo-ĵurnalistoj" kaj ĉefredaktoro de la germanligva turista revuo „Welt auf Reisen" kaj membro de TEĴA. D-ro **Unger sendis** trifolian apelon-enketilon al: FIJEF Internacia Federacio de Turismaj Ĵurnalistoj kaj Verkistoj); A I T (Internacia Unuigo Turista); AIT (Internacia Turisma Akademio), IUOOT (Internacia Unuiĝo de Oficialaj Turismaj Instancoj); al la Aviadilaj, fervojaj kaj vaporŝipaj kompanioj, al la Asocio de Ĝemeligitaj Urboj k. a.

En la Apelo, klarigante la signifon kaj la valoron de Esperanto, oni alvokas la turismajn organizaĵojn en la mondo utiligi la Internacian lingvon. Konstatante, ke 95% de la turistoj ne scipovas fremdajn lingvojn, oni petas la opinion de la supremenciitaj organizaĵoj pri la Internacia lingvo.

## „Aŭto-revuo"

**Aperis en la fino de 1964 la unua numero de „Aŭto-revuo", multobligita 24-paĝa oficiala organo de la Internacia Esperanto-Klubo Aŭtomobilista (IEKA). Krom informoj pri la vivo de IEKA kaj pri ĝiaj estraro kaj statuto, la nova revuo enhavas ankaŭ teknikajn kaj prisanajn artikolojn. Kompletigas tiun aldonon seslingva fakterminaro (Esperanto—angla—franca—germana—itala kaj nederlanda), ilustrita de pluraj desegnoj.**

## „Esperanto-Agado"

La Esperanto-rondeto de la Uzina klubo de la maŝinfabriko „Turčanske strojarne" en Martin, Ĉeĥoslovakio, komencis eldonadon de multobligita 8-paĝa bulteno „Esperanto-Agado" minimume 6 numerojn jare. Aperis la I-a numero. Enhavo interesa: priesperantaj, prilingvaj kaj aliaj artikoloj, belarto ktp.

Adreso: „Esperanto-Agado" poŝtfako 80, Martin, Ĉeĥoslovakio.

## INTER LA ISRAELAJ ESPERANTISTOJ

**Kiel** sciate, la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" Iv. Esperov restadis pli ol 3 monatoj en Israelo kun sia edzino Saŝa — esperantistino. La israelaj esperantistoj tre gastamece akceptis ilin en siajn mediojn. Afable invitataj ili gastis al familio Isaj kaj Anna Dratwer kaj al familio Bencion Danon en la ĉirkaŭurboj de Tel Aviv, al familio Leo Ringler en Kfar Ata, apud Hajfa, kaj renkontiĝis kun pluraj gvidantaj esperantistoj. Apartajn renkontojn nia redaktoro havis kun la komitatano de TEĴA — Oskar Berman kaj la teĵanoj Isaj Mučnik kaj Ch. N. — Armony en urbo Hajfa.

La redaktoro Esperov prelegis en la klubejo de la telavivaj esperantistoj pri la Esperanto-movado en Bulgario.

La vojaĝimpresoj de la redaktoro aperos en la 2-a n-ro de „I. Ĵ."

## IMPRESOJ PRI BULGARIO

Nia kolego d-ro Tadros Megalli el Kairo, Unuiĝinta Araba Respubliko, vizitis Bulgarion por la dua fojo dum julio kaj aŭgusto 1964 (la unuan fojon-en julio 1958). Li aperigis vojaĝimpresojn pri Bulgario ankaŭ en revuo „Bulgario".

---

## NIA POSTO

J. Snejder, Ĥarkov, USSR. — **Dankon por via** kontribuaĵo. Sed ĝi malfruiĝis, kaj iuj gazetoj jam anoncis pri la interesa medicina aparato. Via traduko de la materialo el „Bulgario" (n-ro 4, 1964) „Kara panjo, mi jam denove povas skribi", kiu aperis ukrainlingve en ĵurnalo„ Socialistiĉna Ĥarkovŝĉina" estas laŭdinda E. kai ĵurnalista-laboro.

Al. Logvin, Moskva, USSR. — Viaj versaĵoj, ricevitaj. Dankon. Iuj el ili aperos en n-o 2-a de „I. Ĵ."

A. V. Zednik. — Ĉiujn leterojn ni ricevis. Via obstina laboro estas fruktodona.

---

2. Ĉiu devas limigi sian agadon je unu bonvole elektita tre malvasta sektoro de l'laboro, forlasinte plene la aliajn sektorojn al aliaj bonvoluloj.

3. Necesas universala principa forlaso de efemera revado pri iu potenca ekstera forto, kiu prenos sur siajn ŝultrojn iun ajn akcelon aŭ progresigon de Esperanto lingvo-movado-praktiko. La sola plej ega potenco estas la esperantistoj mem kiuj nek rajtas, nek povas atendi la etendotan manon de ekstere.

4. Nenion signifas kaj nenion valoras iuj ajn eksteraj laŭdoj kaj mallaŭdoj. Certe iuj izoluloj kaj grupoj povas profesie okupiĝi pri kolekto de aŭtografoj kaj esprimitaj opinioj de aŭtoritatuloj. Sed la plimulto de l'movado devas klare vidi, ke tiu agado havas nenian signifon por la movado.

5. Ĵurnalistoj-esperantistoj kiel avangarda forto en la esperanta movado devas preni gravan taskon de l'ĉiela (t. e. „tera" ĉiamaniera) akcelado, aranĝo de ĉiuspecaj intergazetaj kaj interĵurnalistaj ligoj, konkeron de paĝoj en ĉiuspecaj presorganoj. Kaj en tiu senco la laboro de kolego K. Malyha devas esti taksita kiel modela.

**Ĉiuj presorganoj devas ektrakti modernajn** esperanto-aferojn kaj de moderna vidpunkto.

Unue — pure esperantaj presorganoj. Due — nacilingvaj presperantaj. Trie — nacilingvaj neesperantaj. Kvare — nacilingvaj kontraŭesperantaj.

6. Certe, ĉi tie denove plej grava forto estas la internacieco de l'Esperanto-movado kaj internacia lingvo. Sekve necesas en esperantaj presorganoj presigi la adresojn de ĉiuj gravaj presorganoj, de iliaj homoj, de iliaj eldiroj (pro, ne, aŭ kontraŭesperantaj) kaj proponojn pri „stelaj" de ĉiuflankaj, de ĉiuŝtataj esperantistaj ĵurnalistaj „ofensivoj" je certaj presorganoj, kiujn necesas konkeri, kun proponoj pri specimenaj tekstoj aŭ temoj, dezirindaj por ricevo en la redakcio de l'difinita eventuale presorgano.

TEĴA certe devas enviciĝi en la kadrojn de Kodeko, kiel grava ĉenero kaj taŭmento, despli ke mem Tibor Sekelj estas ja TEĴA-ano.

7. Eble valorus eĉ krei propran presorganon „Kodeko"?

N. F. Danovskij

# EN LA DUMMILITA INFERO



Kun la verda kvinpinta stelo sur la deflekso kaj kun Esperanta flageto en la mano mi cirkuladis tra la patrolando de Esperanto — la frata Pollando — tiel trankvile kaj libere, kvazaŭ mi estis en mia propra patrujo. Esperanto helpis min vidi kaj ekkoni de proksime la polan landon.

La unuan fojon mi enpaŝis la polan landon alveninte la grandan stacidomon en Katovice. Sur la kajo renkontis min mia esperanta amikino Natalija Kliŝĉ. Dum la unua tago de mia gastado ŝi konatigis al mi Katovice, urbo nombranta 275 000 loĝantojn, ĉefa industri-centro en Supra Silezio.

La sekvantan tagon frumatenej ni ekiris al Osviencim. Natalija estis malĝoja. „En Osviencim pereis multaj el miaj parencoj ka proksimuloj. Ĉiam, veturante tien mi sentas profundan ĉagrenon" — konfesis ŝi.

La ekskursgvidanto, eksa malliberulo de Osviencim, allogis nin per sia rakonto, mem estinte vidinto kaj atestanto de unu ne delonga sovaĝa barbarismo de la germanaj naciistoj. Antaŭ niaj okuloj ekludis kvazaŭ filmekrane la bildoj de la teruraj travivaĵoj. De tempo al tempo la ekskursgvidanto ĉesigis sian krudan rakonton kaj montris jen iun eksponaĵon, jen iun ejon — deponejojn de homa hararo, okulvitroj, valizoj, protezoj ktp.

— En tiu ĉi salonego kunsidis la milittribunalo.

— En tiu ĉambro oni malliberigis la mortkondamnitojn.

— Laŭ tiu ĉi koridoro pasadis la punaj mortigaj hitleraj banditoj.

— Ĉi tie estis la kancelarioj de a SS-anoj.

— Antaŭ tiu ĉi muro de la korto oni ekzekutadis.

Ni moviĝis en unu rondo de teruroj, en kiu ĉesis la ekzistado de pli ol kvar milionoj da homaj vivoj, apartenantaj al 28 landoj de nia planedo.

Fakte Osviencim estis nur fasado. Plene belaspektaj duetaĝaj brikkonstruaĵoj, akvokondukilo, banejoj. Eĉ la arkitektoj kaj la inĝenieroj mem ne supozis, ke tie ĉi oni konstruas ion, kio post certa tempo kortuŝos la homaran konsciencon. Tendaro. Tute ordinara militkaptita tendaro. Ke la gesinjoroj, membroj de la Internacia Ruĝkruco, bonvolu veni; ili konstatos nur zorgon kaj bonan ordon, ili vidos organizitan kaj laŭplanan laboron. En kiu ajn militkaptita tendaro oni ne povas pretendi pri io pli bona?

Sed la internaciaj komisionoj ne estis povintaj penetri malantaŭ la fasado, kie troviĝis Bĵeznika. Ĉi tie la homoj, kiuj eniris la oficialan enirejon de Osviencim, eliris tra la kamentubo de la kremaciejo. Nur en unu de la fornegoj estis bruligitaj 70 000 homoj. Centmilojn oni mortigis per gasoj, precipe per la germana specialaĵo „Ciklon B". Osviencim prezentis unu konstante brilantan bruleŝafodon.

Antaŭ la ĉefa enirejo la militkaptitojn renkontis impona slogano: „La laboro faras la homon libera". Fakte, la laboro en la germanaj koncentrejoj estis terura mortigsistemo. Estas neeble priskribi la tutan nekredeblan gamon de la homa sufero en Osviencim. Kaj eble nur tiuj, kiuj travivis la teruraĵojn de la Osviencima infero kaj savis sin pro la miraklo, nur ili povas trafolumi la paĝojn de tiu inkubsonĝo. Nune, en la eksa mortkoncentrejo Osviencim, kiu oni transformis en muzeon, la vizitanto povas konatiĝi kun multaj dokumentoj de unu ĝis nun nekonata barbarismo. Ĉiu el ili dekovras apartajn trajtojn de la kruela fizionomio de la hitlerismo. Laŭ ili oni povas restarigi la neimageblan kruelan bildon de la vivo en Osviencim.

Jen kiamaniere la estro de la tendaro Friĉ sin turnis al la ĵus-alvenintaj viktimoj: „Mi avertas vin, ke vi alvenis ĉi tien ne en sanatorion, sed en germanan koncentrejon, en kiu ekzistas nur unu elirejo — a kamentubo. Se en la transporto estas hebrejoj, ili rajtas vivi ne pli ol du semajnojn, se inter ili troviĝas pastroj — ili povas vivi unu monaton, kaj la ceteraj — tri monatojn. Se tio ne plaĉas al iu, li tuj povas iri ĉe la pikdrata barilo."

Se oni ne povas elteni la eksperimentojn — morto. Se iu eltenis — sekvas registracio, tatuiĝo de tendara numero, malliberejа uniformo . . . Kaj komenciĝas la vivo al la morto: konsumiga laboro, aĉa nutraĵo, senhoma rilato. Kaj io pli — tifo, hontindaj medicinaj eksperimentoj sur vivaj homoj. Kaj plej poste — la fino: la gaskamero, la kremaciejo, fumo . . . fumo . . . super Birkenaŭ.

Kio estas restinta hodiaŭ el tiu infera realeco?

Jen estas ĝi: la hirtiĝintaj dentoj de la pikdrata baro, la malhelaj korpusoj de la tendaraj loĝblokoj, la silentemaj kaj elokventaj ejoj, nun haloj muzeaj, zorgeme aranĝitaj nomaroj kaj dokumentoj, kiuj parolas pri la sorto de la homoj. Ili nun indiferente staras, numerigitaj kiel muzeaj eksponaĵoj . . . Hodiaŭ en Osviencim ĉio estas esprimplena kaj kredinda.

Nune la Osviencimaj fornegoj estas estingiĝintaj, la kamentuboj ne plu fumas. Lazura estas super Birkenaŭ la ĉielo. Laŭ la nigraj kaj molaj vojoj trapasas ĉaroj, de tempo al tempo trapasas kun granda rapideco ŝarĝaŭtomobiloj, viciĝas amaso da homoj. La vivo denove potence akiris siajn rajtojn ĉi tie,kie dum kelkaj jaroj la morto krude furiozis, kie la ventoj forblovadis la cindron de la bruligitaj homaj korpoj super la tero de la osviencima ĉirkaŭaĵo, super la tuta Pollando, super Eŭropo kaj la tuta terglobo.

Osviencim maltrankviligas la homan konsciencon, avertas kaj vokas al la popoloj:

— Neniam plu militoj!

— Neniam plu Osviencim-oj!

Sur la stacidomo de Osviencim mi disiĝis kun mia afabla gvidantino Natalija. Ŝi revenis sian naskiĝurbon Katovice. Mi — per la elektra vagonaro — forveturis al la plej bela kaj interesa pola urbo — Krakovo.

Blago Dimitrov
Ĉirpan

Maria Berâru

AL VI, AFRIKO!

Al vi, ĉagrena kontinento,
De la dekkvina jam jarcento
Vivinta kvazaŭ en infero,
Nun brilas suno de espero.
Afriko de majestaj montoj,
De la senlimaj horizontoj
Kuraĝe marŝas kaj leviĝas,
Kiel libera aglo iĝas!
For la mallumon kaj suferon!
For la humilon kaj mizeron!
Kunpremu la kalozajn manojn,
Dispremu jugon, for tiranojn!
Ne plu vin kiel sklavo trenu,
En la muskolajn manojn prenu
La povon mastre kaj konstante
Senlace al futur' celante!
Pri konoj kaj kultur' avidu,
Al propraj fortoj plenkonfidu,
Kaj fronte al la sun' leviĝu —
Sub ĝia signo renaskiĝu!

---

## LINGVAJ DEMANDOJ

### LA LINGVOJ DE LA MONDO

La homo estas socia estulo kaj do li bezonas komuniki siajn pensojn al aliaj homoj. Tio estas plej bone ebla per iu formo de lingvo (Mimiko kaj gestado ankaŭ estas formoj de lingvo).

Precipe en la pasinteco vivis la homaro sur preskaŭ la tuta seka surfaco de la Tero plejparte sur pli-malpli apartigitaj teritorioj kaj formis multajn reciproke apartigitajn, gente parencajn grupojn de homoj. Ĉio ĉi kreis tian diversecon de la lingvoj en la pasinteco, daŭranta ĝis hodiaŭ. Estas neeble ekscii la precizan nombron de la lingvoj, per kiuj oni nun parolas en la mondo, ĉar ekzistas multaj lingvoj (afrikaj, hindujaj, oceaniaj), kiuj ankoraŭ ne havas sian alfabeton kaj fiksitajn gramatikajn regulojn, tial estas malfacile diferencigi la lingvojn mem disde iliaj dialektoj kaj lingvoj parencaj. Tamen ni povas diri, ke la homoj sur nia planedo parolas per proksimume du mil lingvoj. En sia tuta historio la homaro uzis proksimume tri mil lingvojn, do proksimume jam mil lingvoj dum jarcentoj, ja eĉ jarmiloj estas mortaj kaj pri ili sin okupas nur sciencistoj. Tio estas grava, ĉar pli profunda ekkono de vivanta lingvo estas ebla nur post la studado de ĝia morta antaŭulo.

Laŭ parenceco de la vortoj, ilia kreado, prononcado kaj gramatikaj specialaĵoj ni dividas la lingvojn de la mondo en plurajn lingvajn grupojn. Iuj el la grupoj estas tre riĉaj kaj al ili apartenas kelkaj centoj da lingvoj, per kiuj parolas multaj milionoj da homoj, sed ekzistas lingvoj, kiujn ne estas eble envicigi en iun el la grupoj; tiuj ĉi estas la tielnomataj izolitaj lingvoj, miraklo de la historio de la homaro — ekzemple la lingvo de Baskoj, vivantaj apud la Biskaja golfo, per kiu parolas kelkaj miloj da homoj.

Al ni la plej proksima estas la hinda-eŭropa grupo de lingvoj, al kiu krom granda parto de la hindujaj kaj iranaj lingvoj apartenas preskaŭ ĉiuj eŭropaj lingvoj kaj el kiu ĉerpas sian vortprovizon ankaŭ Esperanto.

Historie tre valora estas la semida-hamida lingvogrupo, al kiu apartenas multaj el la mortaj lingvoj de la antikva epoko (la egipta, fenicia, akadia, hebrea, araba kaj aliaj lingvoj) kaj kies vivantaj lingvoj nun estas parolataj ĉefe en Norda Afriko kaj Malgranda Azio.

Pli malgrandaj lingvogrupoj estas la ugrofinna (al ĝi apartenas ankaŭ la hungara), kaŭkaza, turka, mandĵua-tunguza, mongola, pro-

tosiberia (paleoazia) k. a. En Azio grandan signifon havas la tibeta-ĉina grupo de lingvoj, al kiu apartenas ankaŭ la lingvoj de Hindoĉinio.

Tre nombra kaj disvastigita estas la grupo de aŭstroaziaj lingvoj, al kiuj apartenas la lingvoj malajaj, indoneziaj, oceaniaj ka.

En Afriko krom la semidaj-hamidaj lingvoj kaj unuopaj el aliaj grupoj de lingvoj (ekz. la malgaŝa lingvo de Madagaskaro apartenas al la indonezia subgrupo de aŭstraliazia lingvogrupo (oni uzas grandan grupon de la lingvoj bantu) en Centra kaj Sudorienta Afriko) kaj nehomogenan grupon de lingvoj Sudanaj.

La indianaj lingvoj dividiĝas en multegon da lingvoj kaj dialektoj de formortantaj triboj. Multaj el ili estas daŭrigantoj de kulture gravaj lingvoj de la iamaj indianaj imperioj — maja, azteka, keĉua (imperio de Inkoj) k. s.

La diversecon de la lingvoj kaj la malkomprenon inter la homoj oni klopodas forigi per konstruado de internaciaj artefaritaj lingvoj. Tio estas alia ĉapitro. (EL „Esperanto-agado", USSR, n-ro 1—1965)

**Teodoro Rossinský**

---

## SUGESTOJ DE NIAJ LEGANTOJ

„Internacian Ĵurnaliston" mi ricevas jam ses jarojn. Ĝi povas esti interesa, riĉenhava revuo, ne bulteno, al kiu ĝi iam similas.

Laŭ mi, la informa fako devas okupi nur unu paĝon el la ok en nia revuo. Estas necesaj konstantaj fakoj: Gvidartikolo, Tribuno de l'leganto, Progresemaj metodoj de laboro, Angulo por komencanta ĵurnalisto, Belarta fako, Fotofako, Anoncoj kaj sciigoj.

Ekzistas pli efikaj formoj de ĵurnalista laboro ol la informado. La ĵurnalistoj devas esti flamaj agiitantoj por la afero de l'esperantismo. Ili devas en la unuaj vicoj batali por la internaciismo kaj ne nur fotografi niajn venkojn kaj malsukcesojn. La profesia devo de ĉiu ĵurnalisto estas iam nur aludi, iam nur montri kaj nur iam detale rakonti kiel povas batali por Esperanto. Iam ni povas polemiki, eĉ kvereli por trovi ĝustan vojon.

„Internacia ĵurnalisto" devas helpi al siaj legantoj ekvidi, eksenti siajn konkretajn devojn.

## ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.*

*Vicprezidanto kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev, 98, Sofia 2, Bulgario.*

*Sekretario-Kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Citadella (Padova), Italio.*

*Membroj: S-ino Karen Salmose, Dalgatan 3, Märsta, Svedio; Jerzy Uspienski, str. Gafozynskiego 1 Om 7. Warszawa 1, Pollando: N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14 kv. 1, Moskva-G-34, USSR; Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio; G. N. Jepsen, Silkeborg, Danlando.*

## KOMITATANOJ DE TEĴA

*Ĉinio — Shi Si-wei, Ĵurnalista Fako Pekina Universitato, Pekin.*

*Rumanio — Ştefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bukureŝto.*

*Vjetnamio, Dau-Anh Kha, No Quoctenou Bv Viet-nam, Hanoi (via USSR).*

*Izraelio — Oskar Berman,*

*Hindio — Prof. R. B. Joshi, Alleshi Plots, red. „Suderia Bulteno", Akola (Vidarzha).*

*Ceĥoslovakio — A. V. Zednik, Modrany 1482, Praha*

## REPREZENTANTOJ DE TEĴA

*Brazilo — Sylla Chaves, Rua Bona Mariana, 97, apart. 805, Botafogo, Rio de Janeiro.*

*Japanio — Kyosuke Yukimura, 851, Shinobe Befu, Kakogawa.*

*Hungario — Pal Balknyi, Budapest II, (Pesthidegkut), Haraszt u 33.*

*Francio — Lucien Jiloteaux 7 Rue Saint Saëns, Vatterelos, Nord.*

*Germanio — Maria Vogel, Kniebesstrasse 31, Stuttgard.*

### NOVA MEMBRO DE TEĴA

*Werner Halvarsson, BOX 838, Töcksfors, Svedio.*

### ADRESŜANĜO.

*Preoteasa Dumitru, str. Criŝan 17, Segercea, rajon Craiova, Rumanio.*

*Oskar Berman, P. K. 33, rehov Tarna 49, Hedera Israel.*

### KOREKTO

Aŭtoro de la skulptaĵo de L. L. Zamenhof, aperinta en n-ro 4, 1964 j. estas la skulptisto Blaĵkov Nikolaj Vasoljeviĉ, Deribasovskaja 3, kv. 9, Odesa-V-26, USSR, kaj ne L. Sobanski, kiel estis notite.

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*